# Aŭstraliaj Esperantistoj

Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj
Nia Espero Nia Forto

**Novaĵa Letero** de **Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj**

NI SENDAS AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KUN KONATA RETADRESO

auto 17/03/2012 Trideksepa Eldono 2012 18/03/2012 SENDITA


Tiu ĉi letero havas “hiperligiloj” al retpaĝoj KLAKU! KLAKU! KLAKU!

Sendu novaĵojn, leterojn, informojn al Roger rspring@tpg.com.au; kaj kopiojn al Ivan ivan@melburno.org.au;

La Informa kaj noma paĝoj nur aperos je la dekaj kaj dekkvinaj eldonoj

NUNONIA Nun Nia” **Novaĵo de la Mondo. Esperante** http://nunonia.com/

Monda ĵurnalo, ĝisdata novaĵo, bona esperanta ekzercado, LEGU

Terura akcidento mortigas 28 belgajn infanojn en Svislando

Nova versio de la mankomputilo iPad komprenas parolon

## Ĉe la fino de la elsendo (post 56 minutoj) Stephen Fry mencias Esperanton,




Nijl tenas Tincxjo dum humoristo/dokumentisto Stephen Fry, el Britio, tenas Esperanto-januaro 2012 de UEA.

Hieraŭ eblis aŭskulti ĉe la ABC televido la britan elsendon Planet Word kiu temas pri lingvoj. Ĉe la fino de la elsendo (post 56 minutoj) Stephen Fry mencias Esperanton, sed bedaŭrinde la tradukistino kiu parolas kun li komprenas ke la celo de Esperanto estas anstataŭi ĉiujn lingvojn kaj ŝi diras, ke ŝi ŝatas lingvan diversecon. Eblas aŭskulti la tutan elsendon tie: http://www.abc.net.au/iview/?series=3448860#/series/3448860

Mi kunsendas foton de usona esperantisto kun Stephen Fry. La foto estis farita kelkajn monatojn post la elsendo kiu videblis en Britio jam antaŭ pluraj monatoj.

Nicole Else nicole@cryogenic.net

## Bonvenon Jacob Nordfalk al nia legantaro

## LINGVAJ ERAROJ TROVITAJ en "Aŭstraliaj Esperantistoj"
Ne silente kritiki, .Skribu, informi nin.

**GRAVAJ DATOJ** (se erara, informu min. rspring@tpg.com.au)

La AEA-jarkongreso okazos en Brisbane 28 septembro ĝis 1 oktobro 2012,

La AEA-somerkursaro en Sidnejo estos 11 ĝis 28 januaro 2013.

Jonatthan Cooper prelegas pri "Moderna arto": 26 majo 2ptm Esperanto Domo, Redfern

Esperanto havos 125 jarojn je 26a Julio, 2012

**Esperanto Domo monata Dimanĉa kunveno okazas 25a marto anstataŭ 31a marto je 10.30 atm. 3hora komencanta leciono ktp**




**Desegnaĵon sendis** Nicole Else nicole@cryogenic.net

## GRAVEGA DEMANDO

Max WEARING,

# ĈU GRAVAS LANDA ADRESARO?

En 2003 laste aperis libreto tro modeste nomita "AEA-ADRESARO 2003". Ĝi meritis la nomon, "AEA-ADRESAR-/JAR-LIBRO 2003". Ĝi ja entenis la nomon kaj adreson de ĉiu membro de AEA en tiu jaro; sed, same kiel la UEA-JARLIBRO, ĝi entenis ankaŭ resumon de geografiaj, historiaj, organizaj, kaj kulturaj faktoj pri nia asocio kaj membraro.

**STATUTO**

Gravegas en ĝia enhavo, la statuto de la asocio. Kompreneble la UEA-statuto aperas en Esperanto jaron-post-jaro; kaj en 2003 ŝajnis nature, ke ankaŭ la AEA-statuto aperu en Esperanto. Por 2011-2012, tamen, ni proponas, ke la plej lasta AEA-statuto (farita en 2007) aperu en la angla - ne nur ĉar la angla

estas la lingvo en kiu ĝi estas leĝ-dokumento, sed ankaŭ ĉar nun la nombro da restantaj AEA-membroj estas nur 64. Por rehavi 190 membrojn kiel en 2003, necesas regajni eksmembrojn kaj akiri multajn novulojn; kaj el tiuj, ne ĉiuj facile komprenos la statuton, se gi aperos nur en Esperanto. Evidentas, ke la plej lasta statuto, tiu de 2007, bezonas modifojn, kaj ke la novuloj komprenu kaj partoprenu la ŝanĝadon.

## ALIAJ JARLIBR-ENHAVOJ DE "AEA-ADRESARO 2003"

AEA-ADRESARO 2003 entenis ne nur STATUTON 2003, sed ankaŭ informojn pri la diversaj kotizoj por membriĝi, pri la nomoj kaj adresoj de la tiamaj estraranoj, kaj de la komisiitoj (ne ĉiuj el ili estis estraranoj) kiuj respondecis pri la jenaj servoj al la membraro: la AEA-adresaro, la AEA-biblioteko, la AEA-ekzamenoj, instruiloj kaj instrumetodoj, la AEA-korespondaj kursoj, korespondantoj, la AEA-libroservo, la redaktoro de ESSK, reprezentanto ĉe registaro, rilatoj kun la publiko, kaj la UEA-ĉef-delegito. Vi sendube rimarkas, ke nun kelkaj el tiuj servoj ne plu disponeblas al la membraro. La libreto ankaŭ listigis la nomojn kaj adresojn de agentoj por reprezenti AEA rilate al aliaj organizoj kaj agadoj: ekz, eldonado, Internacia Biblio-Misio, Internacia Ligo de Esperanto-Instruistoj, Rondo Kato, Sennacieca Asocio Tutmonda, Tutmonda Esperanto-Vegetarana Asocio, Universala Medicina Esperanto-Asocio, kaj abonoj al UEA ktp.

## NOM- KAJ ADRES-LISTO 2003

Oni listigis la nomojn kaj adresojn de la 190 membroj de 2003 laŭ kategorioj kaj kun detaloj pri AEA-diplomoj kaj aliaj honoroj ricevitaj. Oni tiam listigis ankaŭ la nomojn de ne-membroj de AEA, kiuj ricevis AEA-ekzamen-diplomo(j)n. Sekvis la nomoj kaj adresoj de 16 E-federacioj, E-kluboj, kaj aliaj E-grupoj en Aŭstralio, kun la nomoj kaj adresoj de ties funkciuloj.

## HISTORIAJ AEA-FAKTOJ KAJ -STATISTIKOJ

Prezentiĝis listo de ĉiu AEA-kongreso inter 1911 kaj 2003, kun ties jaro kaj urbo-nomo kaj nombro da aliĝintoj kaj partoprenintoj. Tiam prezentiĝis kie kaj kiam okazis ĉiu el la 19 somerkursaroj inter 1977 kaj 2003.
Sekvis listo de AEA-prezidantoj inter 1939 kaj 2003 kaj ĉies datoj kaj loĝloko, kaj de sekretarioj inter 1908 kaj 2003. Poste sekvis listo de lokaj periodaĵoj kun la nomo kaj adreso de ĉiu redaktanto, kaj listo de prizorgantoj de la libroservo inter 1941 kaj 2003. Tiam sekvis listo de la gajnintoj de konkursoj por la Koppel-Ŝildo (por dram-prezentaĵo), la Muller-Soraŭ Trofeo (por ĥor-prezentaĵo) kaj Torr-Medaliono por tiu, kiu instruis Esperanton al la plej granda

nombro da novaj lernantoj.
Sekvis listo de Honoraj Dumvivaj Membroj de AEA, Fratuloj de AEA, AEA Bibliotekistoj, AEA-ekzamenoj, tenantoj de la Klereca Diplomo inter 1958 kaj 2002, la Fondusoj de AEA, korespondaj kursoj, kaj detaloj pri la NovZelanda Esperanto-Asocio, la Universala Esperanto-Asocio, Tutmonda Esperanto-Junulara Organizo, la Katalogo de la Libroservo de AEA, kaj "Esperanto at a Glance".
Kiel skribis D-ro Ralph Harry en sia enkonduko al Esperanto en Aŭstralio (1905-1985), "la plej grava tasko de la historio estas doni al ni heroojn kaj modelojn. Ni devas honorigi tiujn, kiuj dediĉis sian laboradon, siajn financajn rimedojn, eĉ siajn vivojn, por nia komunumo kaj ties aspiroj." Unu el tiuj herooj estas Prof Ronald Gates, kiu prizorgis la preparadon de AEA-ADRESARO 2003. Ni sentas, ke estus bonege, se la rekreskigenda estonta AEA daŭrigus tiun tradicion, eldonante ĉiujaran AEA-ADRESAR-/JAR-LIBRON.

## PROPONO POR JARO 2011-2012

Ni, Bob Felby kaj Max Wearing, pretas komenci la taskon prepari ADRESARON/JARLIBRON 2011-2012 por ne nur estantaj AEA-membroj sed por la tuta komunumo de aŭstraliaj Esperantistoj. Kompreneble ni pretas aparte indiki tiujn esperantistojn, inkluzive de ni, kiuj jam estas AEA-membroj. Ni esperas, ke ĉiuj el vi sendos al ni ĉe ret- ĉe helik-poŝte vian nomon, ret- aŭ/kaj helik-poŝtan adreso(j)n.

Bob FELBY, 6 Dorset St, SEMAPHORE PK, SA 5019,
<esperantobob@bigpond.com>, kaj
Max WEARING, 81/9 East Tce, ADELAIDE, SA 5000,
<mwearing@internode.on.net>.

PS Sendube restas mankoj eĉ en "AEA-ADRESARO 2003"; ekz, E-radio 3zzz, kies enhavo gravas por ĉiu aŭstralia esperantisto. Gravos ankaŭ en estontaj ADRESAR-/JAR-LIBROJ informoj pri komputil-programoj kiaj <lernu.net> kaj <edukado.net>, restantaj ret-forumoj, hiperligiloj kun raportoj pri la premiitaj konkursoj de la jaro, inkluzive de la nova kurt-film konkurso, kaj aliaj fotoj kaj kurt-filmoj pri elstaraj eventoj de tiu jaro. Por faciligi viajn respondojn, jen demandaro. Ni petas, ke vi plenigu kaj sendu ĝin al ni.

## FORMULARO por RESPONDO

titolo persona nomo familia nomo

strat-adreso (numero + strat-nomo)
gubernio ("state/territory") poŝt-kodo

aŭ/kaj ret-adreso

aldonaj proponoj por la enhavo de ADRESAR-/JAR-LIBRO 2011-2012.

Ĉu vi jam estas membro de AEA? (JES aŭ NE).
Ĉu vi pretas fariĝi membro de AEA por partopreni la decidojn de la jarkunsido de septembro 2012? (JES aŭ NE).
Bonvolu sendi sen-pagan ret-kopion de ADRESAR-/JAR-LIBRO 2011-2012. (JES aŭ NE).
Mi pretus pagi print- kaj send-kostojn por papera ADRESAR-/JAR-LIBRO 2011-2012. (JES aŭ NE).

Subskribo
dato

## THE BIG QUESTION

AN ADDRESS LIST OF AUSTRALIAN ESPERANTISTS?
2003 was the last year in which AEA printed a booklet entitled, too modestly, AEA-ADRESARO 2003. It was worthy of the title, AEA-ADRESARO/JARLIBRO 2003, because it contained not only the names and addresses of all the AEA-members of that year, but also (like the UEA-JARLIBRO) a summary of geographical, historical, organisational, and cultural facts and statistics about the association and its members.

CONSTITUTION
Very important among its contents was the Association's Constitution. For the year 2011-12 (a financial year rather than two calendar ones nowadays), this would need to be the most recent (2007) constitution, all too obviously in need of modifications as soon as possible.

OTHER YEARBOOK-STYLE CONTENTS OF "AEA-ADRESARO 2003" included lists of membership categories, membership fees, the names and addresses of its board members and commissioned members (not all of them board members) who accepted responsibility for providing to the general membership such services as: the AEA address list, the AEA library, AEA examinations, teaching aids and methods, AEA correspondence courses, pen-friends, the AEA book-service, editorship of ESK, a government representative, public relations, and a chief UEA-delegate. Some of these services, you will notice, are at present not readily available to the members. The booklet also listed the names and addresses of agents to represent AEA in relations with other organisations and activities: eg, publication, International Bible-Mission, International League of Esperanto Teachers (ILEI), "Rondo Kato", Worldwide Non-nationalist Association (SAT), Worldwide Esperanto Vegetarian Association (TEVA), Worldwide Medical Esperanto Association, and the Universal Esperanto Association (UEA).

THE 2003 LIST OF 190 MEMBERS' NAMES AND ADDRESSES contained details of any diplomas and other honours received by individuals and was followed by the names of AEA non-members awarded AEA diplomas, and of 16 Australian Esperanto federations, E-clubs, and other E-groups and their office-bearers.

HISTORICAL FACTS AND STATISTICS
There followed a list of every AEA Congress from 1911 to 2003 with its year, location, and enrolment and attendance numbers, followed by a similar list of each of the 19 Australian Summer Schools held between 1977 and 2003. Following these was a list of AEA presidents between 1939 and 2003 with each one's dates of office and place of residence, and a list of AEA secretaries between 1908 and 2003. Following these was a list of current Australian periodicals with the names and addresses of their editors, followed by a list of those in charge of Esperanto book sales and services between 1941 and 2003. Then came a list of winners of the Koppel Shield (for the best drama presentation at the annual congress), the Muller-Soraŭ Trophy (for the best E-choir performance), and the Torr Medalion (for the person who taught Esperanto to the largest number of new learners). This was followed by a list of AEA Honorary Life Members, AEA Fellowships, AEA librarians, examiners,

and holders of the Klereca Diplomo (the highest AEA award for Esperanto scholarship) between 1958 and 2002, AEA Foundations, correspondence courses, and details of the New Zealand Esperanto Association, the Universal Esperanto Association, the Worldwide Esperanto Youth Organisation (TEJO), the catalogue of the AEA book service, and a back page displaying "Esperanto at a Glance". As the late Dr Ralph Harry wrote in his introduction to Ray Ross's Esperanto in Australia (1905-1985), "History's most important task is to give us heroes and models. We must honour those who dedicated their work, their financial means, even their lives, for our community and its aspirations". One such benefactor was Prof Ronald Gates, who prepared AEA-ADRESARO 2003. We feel it would greatly help in the reestablishment of an active and integrated Australian Esperanto community if we could continue that tradition, publishing an annual ADDRESS-LIST/YEARBOOK.

PROPOSAL FOR THE YEAR 2011-2012

We, Bob Felby and Max Wearing, offer to begin the task of preparing ADRESARON/JARLIBRON (ADDRESS-LIST/YEARBOOK) 2011-2012 for not only existing members of AEA but for the whole contactable community of Australian Esperantists. Of course we are prepared to clearly indicate the names and addresses of those Esperantists who (like both of us) are still members of AEA. We hope that all Esperantists who read this document will send us by either e-mail or snail-mail their names and e-mail and/or snail-mail addresses for inclusion in the proposed booklet, ADRESARO/JARLIBRO 2011-2012.

Bob FELBY, 6 Dorset St, SEMAPHORE PK, SA 5019
<esperantobob@bigpond.com> and
Max WEARING, 81/9 East Tce, ADELAIDE, SA 5000
<mwearing@internode.on.net>

PS No doubt there are some omissions even in AEA-ADRESARO 2003; eg, E-radio 3zzz, whose programs should be of importance to all Australian esperantists. Also important for future ADRESAROJ/JARLIBROJ would be information about computer programs like <lernu.net> and <edukado.net>, remaining Esperanto internet forums, hyperlinks with reports of annual E-competitions, including the new short-film competition, and a few additional photos, short films, and summaries of outstanding E-events of the year. For the

purpose of facilitating your responses, here is a questionnaire, which we hope you will fill it in and send back to us.
Bob and Max.

---

**A FORM FOR YOUR REPLY**

---

title personal name family name

---

home or work address
state or territory post-code

and/or________________________________ e-mail address

---

plus any additional suggestions for the booklet's contents for 2011-2012

Are you already an AEA member? (YES or NO).
Would you become an AEA member to participate in the September 2012 AGM decisions? (YES or NO).
Please send a cost-free e-mail copy of ADRESARO/JARLIBRO 2011-2012. (YES or NO).
I'd pay basic printing and postage costs for a paper copy of booklet 2011-2012. (YES or NO).

Signature date

Bob FELBY, 6 Dorset St, SEMAPHORE PK, SA 5019,
<esperantobob@bigpond.com>, kaj
Max WEARING, 81/9 East Tce, ADELAIDE, SA 5000,
<mwearing@internode.on.net>.